Jaro IV * N.º 48ª — Decembro * 1907

# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

RAFAEL DUYOS

CIRILO AMORÓS, 28 — VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos



AL ĈIUJ SIAJ GELEGANTOJ DEZIRAS PLEJ FELIĈAN JARON,

**La Suno Hispana.**

## Pri la venonta Kongreso

En la lasta kunsido de la Cambridge'a Kongreso, D.ro Mybs, prezidanto de la Germana Esperantista Societo, proponis ke la kvara kongreso okazu en Germanujo. La kongresurbo jam estas elektita: Dresden, ĉefurbo de Saksujo. La preparaj laboroj sukcese komenciĝis kaj la komitato ricevis ĝis nun 333 aliĝojn, kio esperigas ke la Dresdena kongreso estos pli multenombra ol la antaŭaj. La komitato, tio estas, «la kvaro por la kvara», konsistas el S.roj Mybs, Schramm, Arnhold kaj S.ino Hankel; krom tiu, oni starigis kvin helpajn komitatojn por specialaj laboroj difinitajn.

Estas dezirinde, ke ĉiuj partoprenontoj en la proksima kongreso sendu, kiel eble plej baldaŭ, sian adreson al la *kvaronestro:* D.ro Mybs (Marktstrasse, 68, Altona). Plie mi petas ĉiujn malavarajn esperantistojn, ke ili helpu plenigi la kon-

## Sobre el próximo Congreso

En la última sesión del Congreso de Cambridge, el Dr. Mybs, presidente de la Germana Esperantista Societo, propuso que el cuarto congreso se efectuase en Alemania. La ciudad para el congreso ya ha sido elegida: Dresden, la capital de Sajonia. Los trabajos preparativos han empezado con éxito, y el comité ha recibido hasta ahora 333 adhesiones, lo que hace esperar que el congreso de Dresden será más numeroso que los anteriores. El comité, esto es, «la kvaro por la kvara» lo forman los Sres. Mybs, Schramm, Arnhold y la Sra. Hankel; además de éste se han organizado cinco comités auxiliares dedicados á especiales trabajos.

Es de desear que todos los que hayan de tomar parte en el próximo congreso envíen, lo más pronto posible, su dirección al *kvaronestro:* Dr. Mybs (Marktstrasse, 68, Altona). Además suplicamos á todos los esperantistas desprendidos

greskason; ekzistas du kasoj, unu por libervolaj monoferoj, la dua por doni garantion kontraŭ kongresa deficito. En la unua ĉiuj arbitraj sumoj estos bonvenataj, en la dua minimume la sumoj estos da 200 markoj.

En la proksimeco de la kongresurbo oni intencas aranĝi esperantan vilaĝon, en kiu parto de la kongresanoj povas loĝi jam kelkajn semajnojn antaŭ kaj post la kongreso, por babili Esperante kaj amuziĝi. Sciigojn pri la aranĝado de tiu ĉi vilaĝo oni ricevos pli poste. Kompreneble estas tre dezirinde, ka ankaŭ por tiu Esperantujo aliĝos kongresanoj multnombre.

que ayuden á llenar la caja del congreso; hay dos cajas: una para donativos voluntarios, la otra para dar garantía contra el déficit del congreso. En la primera, toda clase de cantidades serán bien recibidas; en la segunda, como mínimum, las sumas serán de 200 marcos.

En la proximidad de la ciudad del congreso se intenta organizar una población esperantista, en la que una parte de los congresistas puedan residir algunas semanas antes y después del congreso, para charlar en Esperanto y divertirse. Noticias sobre la organización de esta población se recibirán más adelante. Como se comprenderá, también es conveniente que á este *Esperantujo* se adhieran un buen número de congresistas.

# Atendinda propono

Nia kara kaj respektinda samcelano S.ro Maurice Aubert, el Alĝerujo, sendas al ni la jenan artikolon, kiun ni plezure presigas kaj hispanen tradukas por helpi al la realigo de tiel bona ideo, konfide esperante, ke ia grupo hispana prenos zur sin, kune kun la laboro de la organisado, la honoron efektivigi propagandan ekskurson. Sed ni aŭdu S.ron Aubert.

* * *

Mi ne dubas, kara leganto de La Suno Hispana, ke vi konsentos kun mi pri tio, ke turismo estas unu el la aferoj por kiu Esperanto plej bone taŭgas.

Dank'al Esperanto jam kelkaj amantoj de turismo alveninte en urbon trovas por komprenigi sin, ne fremdan profesie profiteman tradukiston nur celantan gajni monon aŭ gajnigi al siaj samurbanoj, sed ja sindonajn afablajn amikojn ĉiam pretajn konduki ilin promene al la belaĵoj de la regiono kaj helpi ilin en ĉiaj okazoj, kiel agus ia parenco: nur pro ĝojo akcepti samideanon kaj elmontri utilecon de Esperanto.

Turismo por profesiaj tradukistoj es-

# Proposición atendible

Nuestro querido y respetable colega Sr. Maurice Aubert, de Argelia, nos envía el siguiente artículo que con gusto publicamos y traducimos al español para ayudar á la realización de tan buena idea, esperando confiadamente que algún Grupo español aceptará, juntamente con el trabajo de la organización, el honor de efectuar una excursión de propaganda. Pero oigamos al Sr. Aubert.

* * *

No dudo, querido lector de La Suno Hispana, que convendrás conmigo en que el turismo es uno de los asuntos para el cual el Esperanto sirve de mucho.

Gracias al Esperanto, ya algunos amantes del turismo, al llegar á una población encuentran para hacerse comprender, no un intérprete extranjero aprovechado por profesión, que sólo busca ganar dinero ó hacerlo ganar á sus paisanos, sino amigos afables y serviciales, siempre dispuestos á acompañarlos paseando á las bellezas de la región y ayudarles en todas las ocasiones, como haría un pariente: aceptar sólo por gusto á un compañero y demostrar la utilidad del Esperanto.

El turismo para los intérpretes pro-

tas kvazaŭ gasteja «fimanĝado», nur laciga sensignifa multekosta vagado; male turismo per Esperanto estas familia festenkunveno, ĝi estas promena vizitado en bienoj kaj parko de malnova amiko jam longe ne vidita.

Ĉu ne prave?

Ankaŭ ni interkonsentiĝos pri tio, ke la malvasta insulo *Maljorko* estas unu el la plej mirindaj lokoj sur tero, precipe dum somero kaj printempo, kiam ĝi kuŝas inter verda mantelo el ĉiuspecaj kreskaĵoj kaj blua kupolo de nepriskribebla ĉielo. Kio estas plej vidinda? ĉu la beletaj plene puraj gajaj urbetoj? ĉu la montoj kun densaj cipresaroj? ĉu la ebenaĵo, tie kun centjaraj olivujoj ŝajnantaj sub luno kvazaŭ fantomoj, aŭ aliloke kun sesflugilaj ventmueliloj are grupitaj en sunlumo sur vasta kamparo? ĉu la famaj grotoj Drak' kaj Pirat'... ho! la mirindaj feinaj palacoj? ĉu la vastaj deklivoj sur kiuj serpentiras pene la vojoj? ĉu la malnova monaĥejo? ĉu la fruktodonaj kampoj ĉirkaŭlimigitaj per surmetitaj ŝtonoj de kiuj ĉiu atestas, ke tie ĉi loĝas senlaciĝe laborema popolo? ĉu la belaj vizaĝoj de la Palmaninoj babile sidantaj sur siaj beletaj promenveturiloj?

Kiu ne vizitis Maljorkon, tiu ne vidis la plej belan juvelon de okcidenta Mezamaro.

Nur tio sufiĉus por altiri al Maljorko amasegon da turistoj. Sed por ni, esperantistoj, Maljorko havas aliajn bonajn ecojn.

Unue, ĝia ĉefurbo samtempe kiam tre beleta, neordinara, estas sufiĉe malvasta por ke alveno de turistaro altiru la ĝeneralan atenton de la loĝantaro, kaj okazigu en ĝi gravan scivolemon por Esperanto.

En Palma, por la insulanoj estas nemultaj la distraĵoj... Post elmontrado de praktikeco de Esperanto, eble naskiĝus por esperanta distra movado; post kelkaj jaroj eble multe da personoj en la insulo scius nian lingvon kaj Maljorko fariĝus

fesionales es como una «comilona» de fonda, sólo un vagar fatigoso, sin objetivo, costoso; por el contrario, el turismo por el Esperanto es un banquete familiar, es una visita para pasear en las fincas y parque de un antiguo amigo que no se ha visto en mucho tiempo.

¿No es verdad?

También convendrás en que la pequeña isla de *Mallorca* es uno de los más admirables lugares de la tierra, principalmente en invierno y primavera, cuando aparece entre un verde manto de vegetación variada y la cúpula azul de un cielo indescriptible. ¿Qué es más digno de verse?, ¿los bellos, limpísimos y alegres pueblecitos?, ¿los montes con densos bosques de cipreses?, ¿la llanura, aquí con seculares olivos que á la luz de la luna parecen fantasmas, ó en otra parte con molinos de viento de seis alas agrupados bajo la luz del sol sobre extensa campiña?, ¿las famosas grutas Dragón y Pirata... ¡oh!, los maravillosos palacios de hadas?, ¿los extensos declives sobre los que serpentean trabajosamente los caminos?, ¿el antiguo monasterio?, ¿los fructíferos campos limitados en derredor por piedras sobrepuestas, de las que cada una atestigua que vive allí un pueblo que trabaja infatigable?, ¿los bellos rostros de las palmesanas, que charlan sentadas en sus bonitos coches de paseo?

El que no visitó Mallorca, no ha visto la más bella joya del Mediterráneo occidental.

Esto sólo bastaría para atraer á Mallorca una multitud de turistas. Pero para nosotros, esperantistas, Mallorca tiene otras buenas cualidades.

Primeramente, su capital, al mismo tiempo que muy bonita, no vulgar, es suficientemente reducida para que la llegada de un grupo de turistas atrajese la general atención de sus habitantes y despertase en ellos gran curiosidad sobre el Esperanto.

En Palma para los insulanos no hay muchas distracciones... Después de demostrar lo práctico del Esperanto, nacería probablemente un movimiento de distracción en su estudio; quizá después de algunos años, muchas personas en la

vere esperantista rendevuejo kaj restadejo.

Plue, vizitado de francoj, angloj, germanoj, en tiu urbo kutimigus ilin uzi la lingvon Esperanton nur donante al ĝi tian belsonecon, kian la hispanoj donis al sia nacia lingvo kaj sekve ankaŭ donas al nia helpa lingvo, la plej bone obeante la elparoladajn regulojn al ĉiuj rekomenditajn de la genia elpensinto, D.ro Zamenhof. Tio estos ankoraŭ grava utilo por Esperanto.

Mi do jene proponas:

1. La esperantistoj en diversaj landoj —precipe en Hispanujo, Francujo, Italujo, Alĝerujo, ankaŭ en Germanujo, Anglujo, k. t. p.—penu organizigi de la specialaj enlandaj turismaj societoj, en la sama epoko, ekzemple dum la kristanaj paskaj festoj de 1908ª, **ekskurson en la insulon Maljorko.**

2. Ĉiu nacia turistaro al Palma estu akompanata de kiom eble tiom multaj esperantistoj.

3. Niaj samideanoj en Palma aranĝu jam de nun lingvan kurson por gvidistoj, hotelmastroj, oficistoj, negocistoj kaj ĉiuj aliaj gebonvoluloj.

Dum unu plena semajno; kelkaj esperantistoj kun multe da diverslingvaj neesperantistoj promenadus tra la insulo... En tiu miksaĵo ĉiuj ekkonus fakte la utilecon de unu helpa lingvo, kaj tio grave helpus por nia posta propagando en diversaj landoj; la esperantistoj efikus en tiu malgranda multnacia homaro, kiel devigaj interkomprenigaj helpantoj.

Plue la esperantistoj-latinlingvuloj povus aranĝi kongreseton, en kiu oni diskutos pri la rimedoj disvastigi kaj plej bone utiligi Esperanton en sudokcidenta Eŭropo; demandoj kaj temoj ja ne mankos.

Kara samideano leginta... kion vi opinias pri mia propono? Kiu hispana espe-

isla sabrían nuestro idioma y se haría Mallorca un punto de cita y estancia verdaderamente esperantista.

Además, las frecuentes visitas de franceses, ingleses, alemanes á dicha población los acostumbraría á usar la lengua Esperanto, dándole la sonoridad que los españoles dieron á su idioma, y por consiguiente, también dan á nuestra lengua auxiliar, obedeciendo mejor las reglas de pronunciación á todos recomendadas por el genial inventor Dr. Zamenhof. Esto es todavía una gran utilidad para el Esperanto.

Así, pues, propongo lo siguiente:

1. Los esperantistas de diversos países—principalmente en España, Francia, Italia, Argelia, también en Alemania, Inglaterra, etc.—trabajen para organizar en las especiales sociedades de turismo nacionales, en la misma época, por ejemplo, durante las fiestas de la Pascua cristiana de 1908, **una excursión á la isla de Mallorca.**

2. Cada grupo de turistas nacionales vaya acompañado á Palma del mayor número posible de esperantistas.

3. Nuestros correligionarios de Palma organicen, desde luego, un curso de Esperanto para guías, fondistas, empleados, negociantes y demás personas que lo deseen.

Durante una semana entera, algunos esperantistas, con otros muchos no esperantistas que hablasen diversas lenguas, pasearían por la isla... En esta mezcla todos comprenderían la utilidad de una lengua auxiliar, y esto ayudaría grandemente para nuestra posterior propaganda en diversos países; los esperantistas serían eficaces en este pequeño conjunto de naciones, como obligados ayudantes para la mutua comprensión.

Además, los esperantistas de los países latinos podrían organizar un pequeño congreso en el que se discutirían los medios para propagar y utilizar de la mejor manera el Esperanto en la Europa sub-occidental; ciertamente no faltarían asuntos ni temas.

Querido lector correligionario... ¿qué opinas de mi proposición? ¿Qué grupo

rantista grupo—por la mastroj la honoro —akceptos ĝin ekzameni, plibonigi kaj antaŭenpuŝi al efektiviĝo, propagandante por ĝi en hispana gazetaro kaj aranĝante en Palma sub patronado de eminentuloj kaj gazetistoj komitaton komisiitan varbi *novajn esperantistojn en la insulo?*

MAURICE AUBERT.
8, rue Carnot, S.t Eugene (Alĝer).

* * *

LA SUNO HISPANA estas preta kunhelpi al realigo de tiel bonega ideo. Kiu hispana grupo petas la vorton?

esperantista español—el honor para los dueños—aceptará el examinarla, mejorarla é impulsarla á la realización, propagando por ella en la prensa española y organizando en Palma con el patronato de eminencias y periodistas un comité encargado de reclutar nuevos esperantistas en la isla?

* * *

LA SUNO HISPANA está dispuesta á coadyuvar á la realización de tan excelente idea. ¿Qué Grupo español pide la palabra?

# LA KAPTITO

*Al mia kara amiko kaj glora profesoro S.ro Aŭgusto Jiménez Loira.*

Ho!... kiel suferas malriĉa
Kaptita kristano,
Dum tagoj plorante kaj noktoj,
Kun granda bedaŭro;
Pasigas li vivon,
Pasigas li jarojn,
Vidante neniam la suno
En mallibereja alĝera subĉambro!

Li iris fiŝkapti kontenta
El Turo Montalto,
Sur bela, malgranda ŝipeto
De blanka velaro;
Kaj preskaŭ tagmeze
Rabist' afrikano
Kuraĝa, malnoble lin kaptis
Kaj tuj al li ligis piedojn kaj manojn.

Vivege en sian velŝipon
Lin trenis tirano
Por tuj lin konduki Afrikon
Kun multaj kristanoj.
Aĉetis lin tie
Nigr-mahometano;
Ĉar mastro sin montris malpia
Ne povis atendi li bonan regalon.

Plej ofte ordonis severe,
Malvirta la mastro,
Ke sian baldaŭe forgesu
Belegan dogmaron;
Sed lin ne volante
Obei, kristano
Restadis fidela kaj pia
Kun granda obstino, kun granda kuraĝo!

De tiam, sen ĝojo, troviĝas
Kaptita hispano
Dum tagoj plorante kaj noktoj
Kun granda bedaŭro;
Pasigas li vivon,
Pasigas li jarojn
Vidante neniam la suno
En mallibereja alĝera subĉambro!

JOZEFO BONET ARNAU.

Benicarló.

* * *

# Pri esperantista festo

Plenumante la decidon de la tria kongreso, D.ro Zamenhof, elektis komitaton de sep membroj por proponi daton por la tutmonda festotago, principe jam akceptita de la kongreso. Jen la provizoraj proponoj de la komitatanoj:

*D.ro Zamenhoj proponas:*

a) La daton de 17ª de Decembro (dato de la unua festo esperantista en la jaro 1878).

b) La tagon de la printempa (por la suda hemisfero, aŭtuna) tagnoktegaleco, kiu povus servi kiel simbolo al la neŭtraleco por la tuta homaro.

Li aldonas, ke tiu provizora opinio ne havu ian influon ĉe la decido.

Al la dato de la *17ª de Decembro* aliĝas S.roj Codorniu kaj Pollen; al la dato de la *21ª de Marto*, S.roj Montrosier kaj Simon. S.ino Hankel timas, ke tiuj datoj estus tro proksimaj respektive al la Kristnaska kaj kelkafoje al la Paska festo. Ŝi kaj S.ro Tabenski denove proponas la *21an de Julio*. Tiun daton S.ro Tabenski jam antaŭ kelkaj monatoj proponis en «Tra la Mondo», kiel festotagon de la dudeka jubileo de la momento, kiam nia Majstro «transiris Rubikonon», kaj efektive, multaj esperantistoj festis tiun daton. Doktoro Zamenhof aldonas, ke laŭ lastaj esploroj, faritaj de li mem, montriĝis ke:

1) La dato en kiu la unua libro pri Esperanto ricevis la cenzuran permeson estis ne la 21ª de Julio, sed la *2ª de Junio* (21ª de Majo laŭ rusa kalendaro).

2) El ĉiuj aliaj datoj koncernantaj la komencan historion de Esperanto, kun plena precizeco estas konata nur la dato de la *17ª de Decembro 1878*.

En la nomo de la komitato ni invitas niajn legantojn sendi al profesoro Otto Simon (VIII. Josefstaderstrasse, 66, *Wien*) iliajn opiniojn; el la ricevotaj leteroj li faros raporton por la komitatanoj, kiuj poste voĉdonos definitive. La kvara kongreso estos petata je ĝia lasta sankcio.

# Sobre la fiesta esperantista

Cumpliendo la decisión del tercer congreso, el Dr. Zamenhof eligió un comité de seis miembros para proponer la fecha para la fiesta universal, ya aceptada en principio por el congreso. He aquí las proposiciones provisionales del comité:

*El Dr. Zamenhof propone:*

a) La fecha 17 de Diciembre (fecha de la primera fiesta esperantista, en el año 1878).

b) El día del equinoccio de primavera (para el hemisferio austral, la de otoño) que puede servir como símbolo de neutralidad para todo el mundo.

Añade que esta opinión provisional no ha de ejercer influencia en la decisión.

A la fecha *17 de Diciembre* se adhieren los Sres. Codorníu y Pollen, á la fecha *21 de Marzo,* los Sres. Montrossier y Simón. La Sra. Hankel teme que estas fechas estén próximas, respectivamente, á la fiesta de Navidad, y alguna vez á la de la Pascua. Ella y el Sr. Tabenski proponen nuevamente el *21 de Julio*. Esta fecha ya la propuso hace algunos meses el Sr. Tabenski en «Tra la Mondo», como día de fiesta por el vigésimo aniversario del momento en que nuestro Maestro «pasó el Rubicón», y en efecto, muchos esperantistas festejaron esta fecha. El Dr. Zamenhof añade que, según las últimas indagaciones hechas por él mismo, se ha demostrado que:

1) La fecha en que el primer libro de Esperanto recibió el permiso de la censura no fué el 21 de Julio, sino el *2 de Junio* (21 de Mayo, según el calendario ruso).

2) De todas las otras fechas referentes al comienzo de la historia del Esperanto, con plena certeza sólo es conocida la del *17 de Diciembre de 1878*.

En nombre del Comité, invitamos á nuestros lectores á enviar al profesor Otto Simón (VIII. Josefstaderstrasse, 66, *Viena*) sus opiniones; de las cartas recibidas hará una información para los miembros del Comité, que votarán después definitivamente. La última sanción será pedida al cuarto congreso.

# Mia kranio

Kuŝas sur mia skribotablo pura kranio, tiel pura, ke ĝi ŝajnas elefantosta. Estas plaĉe palpi ĝin rebrilantan kaj delikatan, kiel ĝentila porcelankruĉo, kvieta ornamo de eleganta saloneto.

Sendube tiu ĉi kranio apartenis al maljunulo, ĉar ĝi ŝajnas tuta formata per unu peco, kiel potenca arkaĵo, kiu fortege kontraŭbatalis jarcentajn frapegojn.

Apenaŭ oni distingas sur ĝi tiujn elegantajn kapricajn desegnaĵojn, kiujn formas reciproke la malsimilaj konsistigaj pecoj, kiam ili kuniĝas per multoblaj saĝaj interplektoj.

Multe vivis tiu, kiu estis absoluta mastro de tiu ĉi kranio. Kiom da pensoj enfermiĝis interne de tiu ĉi osta kaj mistera skatolo! Sub ĝia forta arkaĵo, kiom da ventegoj estis tondrintaj! Kiom da ideoj, da gajoj kaj da malĝojoj, da iluzioj kaj da maldolĉaĵoj ĝin estis fruktigintaj! Kiom da malvarmetaj tagiĝlumoj ĝin eklumigis kaj kiom da mallumaj noktoj ĝin estis senheligintaj!

Mi rigardas tiun ĉi kranion kaj atente mi ĝin rigardadas ĉiutage. Tra la aŭdorgana truo, kiu malfermiĝas kiel kratero sur la tempiosto, trairis la vortoj de la scienco, la lulkantoj de la amo, la rampanta flatlogado, la malaminda mensogo, la dolĉega harmonio, la krio de la malpaco, la kantaĵo de la venko; ĉio, kio bruligas animon; ĉio, kio ĝin malvarmetigas.

Ĝiaj konusaj kaj profundaj okulejoj ŝajnas ke ankoraŭ rigardas min per profunda kaj indiferenta rigardado, kiu nenion diras kaj nenion enportas en la malgajan malplenaĵon de tiu ĉi kava kranio. Interne de tiuj ĉi kavaĵoj kiuj ŝajnas abismoj, estis lokitaj la okuloj, speguloj de la animo, kiuj portis al la cerbo komprenaĵon de la mondo: la grandecon kaj la malgrandecon, la belecon kaj la malbelecon, la formon de la objektoj kaj la koloron, kiu sur la granda paletro de la universo kreas per la briloj de la ĉielarko tiu grandega artisto, kiun oni nomas lumo. Ankaŭ eliris iam tra tiuj truoj la inteligentaj fajreraroj, la pasiaj fulmoj, la ekbriloj de la genio, eksteren elĵetitaj per la cerbo, kiel per vulkano de ĉiama aktiveco. Kion estis vidintaj tiuj okuloj? Kiajn malĝojojn ploris ili? Kiaj gajoj estis dolĉigintaj ilian rigardon?

Estas malbela tiu ĉi kranio, ĉar ĝi estas plata. Ĝia nazo ne estas pli, ol truo. Tre delikataj ostmuretoj, kiuj ŝajnas krakenaj folioj, multiĝas kaj retordiĝas, interne, kvazaŭ montrante ke Naturo, rimarkinda artefaristo, amas okupi grandan vastecon en malgranda spaco. Tie estis fabrikitaj la odoroj per simpla movoŝanĝo. Tie restis kaptitaj multegaj malamikoj de la homo, tre malgrandaj, kiuj intencis disemi morton, preninte sieĝe la pordojn, tra kiuj trairas la vivo, kiu estas la aero.

La buŝo de tiu ĉi kranio estas malkovro. Kiu ajn estis mastro de tiu ĉi ostpeco ornamanta mian skriboĉambron tre longe vivis ĉar ĝi bone maĉadis. Mi kalkulas sur ĝi dudek plenajn vangdentojn, kiuj estas tie, kiel aliaj samnombraj muelradoj pretaj dispisti ĉion, kion oni ĵetis al ili. Bone devis digesti la individuo, kiu ĝin uzis!

Ankaŭ estas fortaj kaj enviindaj la kvar hunddentoj de tiu ĉi buŝo, tre akraj, longaj kaj potencaj, atavikaj hunddentoj, kiuj rememorigas kavernhomojn, kiuj estis miksaĵo de viandmanganta kaj herbomanĝanta sovaĝa besto.

Bone maĉadis la homo de tiu ĉi kranio; kaj al tiu ĉi pure besta funkcio donis potencan helpon la energiaj muskoloj bone alligitaj al tiuj ĉi fortaj makzeloj de eli rantaj krestoj, de dikaj malglataĵoj, kaj al tiu ĉi tempiosta kavo, kiu servis kiel larĝega loĝejo al tigra tempimuskolo.

Jes; bone maĉadis la homo de tiu ĉi kranio. Mordi estis la afero, kiun ĝi tute ne bone faris. Pri tio venkis lin la envio, kiu mordas ĉiam plezure kaj larĝe. La manko de kelkaj lipdentoj kaj la ostoputrado de aliaj lasis sur la buŝo de tiu ĉi maljuna

kranio grandan breĉeton, kio igas supozi ke la mordoj feritaj de tiu buŝo estis por duone mordi. Kontraŭe la envio perfekte mordas, tute manĝegas.

Pro ĉio ĉi mi kredas, ke estas honesta tiu ĉi kranio, kiu kuŝas sur mia skribotablo. Nenion mordis ĝi, sed bone maĉis. Certe ĝia mastro estis granda manĝulo, eble gastronomo. Ankaŭ certe li estis bona persono; ĉar mi certigas ke nur oni povas bone manĝi se oni havas trankvilan konsciencon kaj plie bonan naturan dentaron.

Estis do bona viro la homo de tiu ĉi kranio, kaj eble geniulo. Ĝia multega aĝo, kiu certe estis almenaŭ okdek jaroj, rememorigas la grandegajn virojn, kiuj vivis longan tempon.

Sed, ha! jen mi ankaŭ rememoras, ke multaj malsaĝuloj vivis pli ol cent jarojn. Kaj post tio, serĉu kies estis tiu ĉi kranio! De ia scienculo? De ia malsaĝulo?

*Chi lo sa?*

Elche (Alicante). ALFREDO LLOPIS.

# Noticias del extranjero

**Francia.**—«París-Esperanto» publica una lista de los 48 cursos inaugurados en París y sus arrabales; están organizándose otros muchos en centros elegidos convenientemente.—En Amiens se ha fundado un nuevo *Klubo* en el «Grand Hotel de la Paix, 15, rue Dumeril».—La prensa de Orleans comenta favorablemente el discurso que en el Instituto pronunció el Sr. Cart, con muy buen éxito.—«Le Correspondant International» continúa insertando las crónicas esperantistas de nuestro compañero Sam. Meyer.—«Cosmos», la conocidísima revista científica, publica extensa é interesante descripción del tercer Congreso, con bonitas fotografías.—«La Plume Stenografique», «Les Langues Vivantes» y «Pages Libres», informan á sus lectores sobre los éxitos más culminantes del Esperanto.

**Inglaterra.**—El Grupo de Edimburg celebró un pequeño festival en honor de los correligionarios del aviso francés *Ibis*, que fondeó en aquel puerto, al que contestaron los marinos esperantistas con una recepción á bordo.—Las guías de Blackpool están siendo muy solicitadas; siguen facilitándose gratis, si se piden por tarjeta postal al alcalde de dicho punto.—«Desbury Reporter» describe una hermosa reunión celebrada en Mirfield (Yorkshire), donde se adoptó el acuerdo de aprender la lengua de la paz.—Se han organizado Grupos en Selly Oak, Tylde y Leek.—En Dublín se ha fundado un Grupo, y la «Irlanda Esperantista Asocio», que reunirá muy pronto muchísimos miembros; fué elegido presidente el Dr. O'Connor.—El 24 de Octubre se celebró en Cambridge una gran fiesta de despedida con motivo de terminar el curso que con tanto éxito ha dado el Sr. Privat después del Congreso.—El señor J. Rhodes (Keighley) está preparando un gran diccionario inglés-esperanto.

**Alemania.**—Dos excelentes folletos de propaganda acaban de publicarse: 1). *Die Weltsprachenbewegung vor dem Forum sachverstaendinger Kritik* (El movimiento lingüístico mundial ante la crítica competente), del Dr. W. Borgius (casa editorial Hans Th. Hoffman, Berlín W. 35). 2). *Das Grundgesetz des Esperanto* (La ley fundamental del Esperanto), del Dr. Artur Blachstein (casa editorial Heckner, Wolfenbütel). En estos folletos se refutan lógicamente los erróneos ataques que en estos últimos meses han aparecido en la prensa alemana.—Alfred Geremias es un nuevo y valeroso defensor de nuestro idioma auxiliar; léase el hermoso prólogo de su traducción del Evangelio de San Mateo y se verá el entusiasmo que anima al ilustre asiriólogo.—Entre la prensa semanal merece especial mención el «Eho», que lleva mensualmente un suplemento, «Eho Esperantista» (redactor Karl Steier), en el que colaboran E. L. Meier, Prof. Christallier y otros eminentes esperantistas; añadamos

*centra pordo. D. Diego sidiĝas, elmontrante maltraukvilecon kaj enuon.)*

D. DIE.—Diru al li ke li supreniru.

## SCENO X

### D. Carlos, D. Diego.

D. DIE.—Venu tien ĉi, junulo, venu... Kie vi estis post kiam ni vidis nin?

D. CAR.—En la gastejo ekster muroj.

D. DIE.—Kaj ĉu vi ne eliris el tie dum la tuta nokto? ĉu ne?

D. CAR.—Jes, sinjoro, mi eniris la urbon, kaj...

D. DIE.—Por kio?... Sidiĝu.

D. CAR.—Mi havis bezonon paroli kun ia persono. (*Li sidiĝas.*)

D. DIE.—Bezonon?

D. CAR.—Jes, sinjoro. Mi devas al tiu persono multajn favorojn, kaj ne estis eble ke mi reiru Zaragozon ne vizitante ĝin antaŭe.

D. DIE.—Ja. Pro la multaj favoroj ricevitaj... Sed veni viziti ĝin je la tria horo matene ŝajnas al mi tre malkonvene... Kial vi ne skribis al ĝi leteron?... Rigardu, tie ĉi mi devas havi... Se vi estus sendinta al ĝi leteron kiel tiun ĉi en plej konvena horo ne estus necese veki ĝin tiel malfrue, nek ĝeni iun. (*Li donas al li la paperon kiu estis ĵetata*

*tra la fenestro. D. Carlos tuj kiam li rekonas ĝin, redonas ĝin kaj li leviĝas por foriri.*)

D. Car.—Se vi do ĉion scias, kial vi alvokis min? Kial vi ne permesas ke mi daŭrigu mian vojaĝon, kaj vi ŝparus por mi respondon pro kiu nek vi nek mi estos kontenta?

D. Die.—Via onkla Moŝto deziras scii kio okazas pri tio ĉio, kaj deziras ke vi ĝin rakontu.

D. Car.—Kial vi volas plion scii?

D. Die.—Tial ke mi tion volas, kaj mi tion ordonas. Atentu!

D. Car.— Bone.

D. Die.—Sidiĝu tie. (*D. Carlos sidiĝas.*) Kie vi konatiĝis kun tiu ĉi knabino? Kia amindumo estas tiu? Kiaj cirkonstancoj kunokazis? Kiajn promesojn vi interŝanĝis? Kie, kiam vi vidis ŝin?

D. Car.—Reirante al Zaragozo la pasintan jaron, mi alvenis al Guadalaĥaro sen intenco halti tie, sed la administranto, en kies domo mi ripozis, obstinis ke mi restu tie tiun tutan tagon ĉar ĝi estis naskotago de lia parenco, kaj li promesis ke la sekvontan tagon li lasos min daŭrigi mian vojaĝon. Inter la personoj invititaj mi renkontis donja Francinjon, kiun la sinjorino venigis tiun tagon el la monaninejo tial ke ŝi sin amuzu iom... Mi ne scias kion mi vidis ĉe ŝi, tial ke ŝi vekis ĉe mi malkvietecon, deziron konstantan, nerezisteblan ŝin rigardi, ŝin aŭskulti, ŝin trovi apud mia flanko, paroli kun ŝi, igi min agrabla por ŝi. La administranto diris inter ceteraj aferoj... ŝercante... ke mi estas tre enamigita, kaj li ekpensis ŝajnigi ke mi

havas nomon D. Felix de Toledo. Mi helpis tiun fantaziaĵon, ĉar de tiam mi decidis restadi iom da tempo en tiu urbo, penante ke vi ne tion sciu... Mi observis ke donja Francinjo akceptis min laŭ aparta ŝato, kaj kiam vespere ni disiĝis, mi restis plena je vaneco kaj esperoj, ĉar mi estis preferita inter ĉiuj ĉeestantoj, kiuj estis multaj. Resume... sed mi ne volas ofendi vin per la rakonto...

D. DIE.—Daŭrigu.

D. CAR.—Mi eksciis ke ŝi estas filino de sinjorino de Madrido, vidvino kaj malriĉa, sed el honesta familio... Estis necese konfidi al mia amiko la projektojn amajn kiuj instigis min restadi ĉe li; kaj li, nek aprobante nek mallaŭdante, trovis rimedojn tiel lertajn ke neniu el sia familio suspektis la kaŭzon de mia haltado. Ĉar lia kampdomo estas proksima al la urbo, mi facile iradis kaj venadis nokte... Mi sukcesis tiel ke D.ª Francisca legis kelkajn leterojn miajn, kaj laŭ la malmultaj respondoj kiujn mi ricevis de ŝi, mi fine profundiĝis en pasion kiu, dum mi vivos, igos min malfeliĉa.

D. DIE.—Bone... bonege, daŭrigu ankoraŭ.

D. CAR.—Mia servisto—kiu, vi ja scias, estas ruzema kaj vigla—per mil artifikoj kiujn li ĉiumomente eltrovis, ebenigis la multegajn malhelpaĵojn kiujn ni komence renkontis... La signalo konsistis el tri manplaŭdoj, al kiuj ŝi respondis per aliaj tri manplaŭdoj de fenestro kiu estas super la korto de l' monaĥinejo. Ni interparoladis ĉiunokte, tre malfrue, kun la mallaŭteco kaj prizorgo kiujn vi povas imagi... Por ŝi, mi ĉiam estis D. Felix de Toledo, oficiro de regimento, estimata de miaj

ĉefoj, kaj honorinda sinjoro. Neniam mi diris al ŝi pli, nek mi parolis pri miaj parencoj aŭ esperoj, nek mi diris al ŝi ke edziniĝinte kun mi ŝi povus esperi riĉecon; ĉar nek konvenis ke mi nomu vin, nek volis mi riski ke inklinigu ŝin je mia favoro konveneco anstataŭ pura amo. Ĉiutage mi trovis ŝin pli ĝentila, pli bela, pli aminda... Ĉirkaŭ tri monatojn mi restis tie; sed fine estis necese ke ni disiĝu, kaj ian malgajan tagon mi diris adiaŭ, ŝin lasinte sveninta, kaj mi foriris, blinda pro amo, kien miaj devoj alvokis min... Ŝiaj leteroj konsolis dum kelka tempo mian forestadon malĝojan, kaj en unu el ili, kiun mi ricevis antaŭ malmultaj tagoj, ŝi rakontis al mi kiel sia patrino volis edzinigi ŝin, kaj ke ŝi perdus la vivon antaŭ ol doni sian manon al alia krom mi; ŝi memorigis min pri miaj ĵuroj kaj admonis min plenumi ilin... Mi ekrajdis, veturis rapidege, venis al Guadalaĥaro, ne renkontis ŝin, alvenis tien ĉi... La reston vi jam scias; ne estas necese tion rakonti al vi.

D. DIE.—Kaj kiajn projektojn vi havis en tiu ĉi alveno?

D. CAR.—Ŝin konsoli, ĵuri al ŝi ree eternan amon, veturi Madridon, vidi vin mem, ĵeti min al viaj piedoj, rakonti al vi ĉion, kaj petegi vin, ne riĉaĵojn, nek heredaĵojn, nek protekton, nek... nenion el tio,—nur vian permeson kaj vian benon por povi efektiviĝi unuiĝon tiel deziregitan, sur kiu ŝi kaj mi fundis nian tutan feliĉecon.

D. DIE.—Nu, vi ja vidas, Carlos, ke nun estas necese pensadi tute malsimile.

D. CAR.—Jes, sinjoro.

D. Die.—Se vi amas ŝin, mi ankaŭ amas ŝin. Sia patrino kaj ŝia tuta familio aplaŭdas tiun ĉi edziĝon. Ŝi... spite la promesoj kiujn ŝi faris al vi... ŝi mem, antaŭ malpli ol duonhoro, diris al mi ke ŝi tuj obeos sian patrinon kaj donos al mi sian manon tuj kiam...

D. Car.—Sed ne ŝian koron. (*Li leviĝas.*)

D. Die.—Kion vi diras?

D. Car.—Ne, tio ne... Ĝi estus ofendi ŝin... Vi efektivigos vian edziĝon kiam vi volos, ŝi kondutos ĉiam honeste kaj virteme, sed mi estis la unua, la sola celo de ŝia amo, mi tio estas kaj estos... Oni nomos vin ŝia edzo, sed se vi ofte, aŭ neofte, surprizos ŝin kun ŝiaj okuloj plenaj je larmoj, pro mi ŝi estos ploranta... Neniam demandu al ŝi la kaŭzon de ŝia malĝojo... Mi, mi estos la kaŭzo... La edĝemoj, kiujn vi vane penados subpremi, estos komplimentoj adresataj al forestanta amiko.

D. Die.—Kia bravegeco estas tiu? (*Li leviĝas kolerigita, direktante sin al D. Carlos, kiu paŝas malantaŭen.*)

D. Car.—Mi jam diris... Estis neeble ke mi diru eĉ vorton kiu ne ofendos vin... Sed ni finu tian abomenan interparoladon. Vivu feliĉe, kaj ne malamu min, ĉar mi neniel volis ĝeni vin. . La plej granda pruvo kiun mi povas doni al vi de mia obeemo kaj respekto, estas foriri tuj... Sed almenaŭ ne rifuzu al mi la konsolon scii ke vi pardonas min.

D. Die.—Kiel, ĉu vi efektive foriras?

D. CAR.—Tuj, sinjoro... kaj mia forestado estos tre longa.

D. DIE.—Kial?

D. CAR.—Tial ke konvenas ke mi neniam revidu ŝin... Se la nuna famo pri baldaŭa militado efektiviĝos... tiam...

D. DIE.—Kion vi volas diri? (*Ekkaptante brakon de D. Carlos, li devigas lin alproksimiĝi pli.*)

D. CAR.—Nenion... Ke mi deziras militadon ĉar mi estas militisto.

D. DIE.—Carlos!... Kia abomenaĵo!... Ĉu vi havas kuraĝon tion diri al mi?

D. CAR.—Iu alvenas.. (*Li rigardas maltrankvile al la ĉambro de D.ª Irene, disiĝas de don Diego, kaj direktas sin al la centra pordo. Don Diego sekvas kaj volas malhelpi lin.*)

D. DIE.—Vi, kien iras?... Ne, sinjoro, vi ne foriros.

D. CAR.—Estas necesege... Mi ne volas vidi ŝin... Unu sola ekrigardo mia povus havigi al vi kruelan maltrankvilon.

D. DIE.—Mi jam diris ke vi ne foriros... Eniru tiun ĉambron.

D. CAR.—Sed se...

D. DIE.—Faru kion mi ordonas. (*D. Carlos eniras la ĉambron de D. Diego.*)

## SCENO XI

### D.ª Irene, D. Diego.

D.ª IRE.—Nu, sinjoro D. Diego, ĉu estas nun la horo ekveturi?... Bonan tagon... (*Ŝi estingas la kandelon kiu troviĝas sur la tablo.*) Ĉu vi preĝas?

D. DIE. (*promenante maltrankvile.*)—Ja, kiel preĝema mi estas nun!

D.ª IRE.—Se vi volas, oni povas nun pretigi la ĉokoladon, kaj averti la kondukiston por ke li jungu la ĉevalojn, kaj... Sed, kion vi havas, sinjoro?... Ĉu estas ia novaĵo?

D. DIE.—Jes, novaĵoj ne mankas.

D.ª IRE.—Kion do?... Diru, pro Dio!... Ho, ve! vi ne scias kiel timigita mi estas. La plej malgrava okazo, tiel, subita, renversegas min tute... De mia lasta malbona akuŝo mi estas tiel eksterordinare delikata ĉe miaj nervoj... Kaj tio okazis antaŭ deknaŭ jaroj, aŭ eble dudek; sed de tiam, kiel mi diris, ia ajn bagatelo renversas min. Nek banoj, nek supo de serpentoj, nek konservaĵo de tamarindoj, nenio taŭgas; tiel ke...

D. DIE.—Fi! Ne parolu ni nun pri malbonaj akuŝoj nek konservaĵoj. Ni bezonas trakti aferon pli gravan... Kion faras tiuj knabinoj?

D.ª IRE.—Ili kunigas la vestojn kaj plenigas la vojaĝkeston, por ke ĉio estu pretigita kaj ne estu prokrasto.

D. DIE.—Bone. Sidiĝu... Kaj estas neutile timiĝi nek kriegadi, (*Ambaŭ sidiĝas.*) pro tio kiun mi tuj rakontos al vi. Atentu kaj ne nin forlasu la prudento kiam ni plej bezonas ĝin... Via filino estas enamiĝinta.

D.ª IRE.—Nu, ĉu mi ne certigis tion al vi milfoje? Jes, sinjoro, enamiĝinta ŝi estas; kaj sufiĉis ke mi tion diru, tiel...

D. DIE.—Tiu malbenita difekto interrompi ĉiumomente! Lasu min paroli!

D.ª IRE.—Bone, bone. Parolu.

D. DIE.—Ŝi estas enamiĝinta, sed ŝi ne estas enamiĝinta kun mi.

D.ª IRE.—Kion mi diras?

D. DIE.—Tion kion vi aŭdas.

D.ª IRE.—Sed kiu rakontis al vi tian sensencaĵon?

D. DIE.—Neniu. Mi ĝin scias, mi ĝin vidis, neniu rakontis ĝin al mi; kaj kiam mi tion diras al vi, mi povas bone certigi ke ĝi estas vera... Nu, kia ekploro estas tiu?

D.ª IRE.—(*Plorante.*) Ve al mi!

D. DIE.—Kial do?

D.ª IRE.—Ĉar oni vidas min sola kaj senhelpa kaj ĉar mi estas malriĉa vidvino, ŝajnas ke ĉiuj malestimas min kaj konspiras kontraŭ mi.

D. DIE.—Sinjorino donja Irene...

D.ª IRE.—Je la fino de miaj jaroj kaj suferadoj, vidi min traktita tiel, kiel malnovan viŝtukon, kiel

que el «Eĥo» es, quizá, la revista europea que tiene más lectores.—Centra Organiza Komitato, con consentimiento del Dr. Zamenhof ha elegido *Dresden* para celebrar el próximo Congreso. La situación de Dresden es, á nuestro juicio, muy favorable, y es de esperar que el éxito corone los esfuerzos de nuestros correligionarios en Alemania; por la importancia del asunto dedicamos artículo aparte al próximo Congreso; corto ó extenso, ese artículo aparecerá en todos los números hasta la celebración del Congreso, y en él tendrán cabida las noticias que recibamos hasta el momento de entrar en prensa el número.

**De todas partes.**—Adelantan los trabajos para la fundación de la «Bohema Unio Esperantista».—En Budapest se ha fundado el club esperantista «Hungara Esperantista Studentgrupo», con muchas adhesiones de los estudiantes de las universidades y gimnasios. El presidente del Grupo es Merci Karolv (VI. Terezkorut 4. III em 7. Budapest). La «Voz de los médicos», de Lwow (Austria), hace una activa propaganda y ha abierto una información internacional sobre el secreto profesional del médico.—«The Illinois Esperanto Association», es el nombre de la nueva federación formada por todos los grupos esperantistas del estado de Illinois, del que forma parte la populosa ciudad de Chicago.—Los estudiantes polacos han fundado un Grupo en el barrio occidental de Chicago, y otro los habitantes del barrio bohemio.—Se están ultimando los trabajos para la fundación de la «Aŭstra Ligo Esperantista», que coincidirá con la aparición de la revista «Aŭstra Esperantisto».—En Vladikovkaz se ha fundado una nueva sociedad con el título «Kaŭkaza Stelaro», y han quedado definitivamente organizados los Grupos de Saratov, Baronsk y Kamiŝin (Rusia).—Para que nuestros lectores puedan formarse idea de la divulgación del Esperanto en la India, baste decir que, en poco tiempo, hemos recibido circulares anunciando la constitución de Grupos en Broach, Jamnagar, Surat, Ahmadnagar, Bombay, Nami Tal, Koorkce y Agra Ranalpidini.

# Sciigoj

## EL HISPANUJO

Dank'al la klopodoj de nia kara amiko S.ro Santiago Carro ni enskribis en la nomaron de «Patronato de Esperanto», en Hispanujo, la nomon de eminenta hispana literaturisto, S.ino Emilia Pardo Bazán. La famkonata novelistino aliĝis plezure al nia afero, kaj al ŝi ni dankas tutkore la multvaloran helpon per tiu aliĝo ricevitan.

La 3.an de Novembro okazis en Burgos solena malfermo de la kursoj organizitaj de la tiea grupo. Prezidis la kunsidon la prezidanto de la Centro Esperantista S.ro Manuel Estéban; sidiĝis dekstre S.ro Jenaro P. Villarejo, direktoro de la Ĝenerala kaj Teknika Instituto, kaj maldekstre S.ro Antonino Zumarraga, prezidanto de la Akademio de Socialaj Sciencoj. La Sekretario kaj profesoro de la

## DE ESPAÑA

Gracias á los trabajos de nuestro querido amigo D. Santiago Carro, hemos inscrito en la lista del «Patronato de Esperanto», en España, el nombre de una eminente literata española, D.ª Emilia Pardo Bazán. La famosa novelista se adhirió con gusto á nuestra causa, y le agradecemos cordialmente la valiosa ayuda recibida por tal adhesión.

El 3 de Noviembre tuvo lugar en Burgos la solemne apertura de los cursos organizados por su grupo. Presidió la reunión el presidente del Centro Esperantista D. Manuel Esteban; sentóse á su derecha D. Jenaro P. Villarejo, director del Instituto General y Técnico, y á su izquierda D. Antonino Zumárraga, presidente de la Academia de Ciencias Sociales. El secretario y profesor del Centro,

Centro, S.ro Sarmiento, legis bone verkitan memorskribon, kiu meritis la aprobon kaj aplaŭdojn de la distinginda ĉeestantaro pleniganta la salonojn de la Komerca Ĉambro. Poste, S.ro Herrera, vicprezidanto kaj unu el la delegitoj, kiuj ĉeestis la trian Kongreson raportis la impresojn ricevitajn en Cambridge, frapante la atenton de la aŭskultantoj. Sinjoro Mejorada parolis poste, laŭdante la esperantistajn virinojn, kaj legis parton el verko, kiun li preparas por la venonta Kongreso de Dresden kaj por la Akademio de Socialaj Sciencoj de Burgos. Bedaŭrinde estas, ke ni ne povas presigi tie ĉi la belan kaj elokventan paroladon de S.ro Ignacio Casas; dank'al bonaj amikoj ni povis legi ĝin, kaj ni estas certaj, ke tiuj spritaj komparoj, ke tiuj konvinkigaj frazoj, ekvidigis al la ĉeestantoj la veran celon de nia helpa lingvo; bruegaj aplaŭdoj kronis, la laboron de S.ro Casas. Fine, S.ro Esteban, nelacebla propagandisto, elparolis tre kontuŝe dankajn vortojn. Ni gratulas niajn burgosajn samideanojn pro la atingita sukceso.

Sr. Sarmiento, leyó una bien escrita Memoria, que mereció la aprobación y aplausos de la distinguida concurrencia que llenaba los salones de la Cámara de Comercio. Después, el Sr. Herrera, vicepresidente y uno de los delegados que asistieron al tercer congreso, refirió las impresiones recibidas en Cambridge, llamando la atención de los oyentes. El Sr. Mejorada habló después, alabando á las esperantistas, y leyó parte de una obra que prepara para el próximo congreso de Dresden y para la Academia de Ciencias Sociales de Burgos. Es lamentable que no podamos insertar aquí el hermoso y elocuente discurso de D. Ignacio Casas; gracias á buenos amigos hemos podido leerlo, y estamos seguros que aquellas ingeniosas comparaciones, que aquellas frases convincentes harían ver á los concurrentes el verdadero objetivo de nuestra lengua auxiliar; ruidosos aplausos coronaron la labor del Sr. Casas. Finalmente, el Sr. Esteban, incansable propagandista, pronunció conmovido algunas frases de agradecimiento. Felicitamos á nuestros correligionarios de Burgos por el éxito alcanzado.

En la Politeknika Akademio de Cádiz oni fondis grupon, kies komitato estas la jena:

En la Academia Politécnica de Cádiz se ha fundado un Grupo, cuya Junta Directiva es la siguiente:

Honoraj prezidantoj: D.ro L. L. Zamenhof, S.ro Leandro Saenz de Urraca (direktoro de la Akademio).—Prezidanto: S.ro Garzón Ruíz.—Voĉdonantoj: S.roj Ildefonso Nadal Cantos, Emilio Pérez González, José Vega Párraga, José Caballero.—Kasisto: S.ro Ramón Jiménez Palomino.—Sekretario: Sro Luis Ortega Granados.

Oni fondis grupon en Santurce, kies prezidanto estas D.ro Guillermo de Gorostiza.

Nia respektinda amiko S.ro Salvador Padilla, direktoro de la Ĝenerala kaj Teknika Instituto de Orense, faris tri belajn paroladojn pri Esperanto en la *Liceo Recreo*. Multe helpis tio al disvastigo de nia afero en Orense, kie sinjoroj Padilla kaj Ameijeiras estas senlacaj pioniroj, kaj jam malfermiĝis kurso kun multe da lernantoj, el kiu ni esperas bonajn esperantistojn.

La Centra Grupo Esperantista de Madrid sidas nun en la strato Bola, n.° 12, ĉar ĝia lasta sidejo estis jam tro malgran-

Se ha fundado un Grupo en Santurce, cuyo presidente es el Dr. D. Guillermo de Gorostiza.

Nuestro respetable amigo D. Salvador Padilla, director del Instituto General y Técnico de Orense, ha dado tres hermosas conferencias sobre Esperanto en el Liceo Recreo. Mucho ayudó esto á la propaganda de nuestra causa en Orense, donde los Sres. Padilla y Ameijeiras son incansables trabajadores, y ya se ha abierto un curso con muchos alumnos, del cual esperamos buenos esperantistas.

El Grupo Central Esperantista de Madrid reside ahora en la calle de la Bola, núm. 12, porque su último local era ya

da pro la senĉesa pligrandiĝo de la nombro de societanoj. Ili kunvenas du fojojn ĉiusemajne en centra kafejo por paroli nur Esperante.

La hispana gazetaro daŭrigas la publikigadon de favoraj artikoloj. Ni citos la jenajn: en «La Ultima Hora», de Palma de Mallorca, pri la organizota ekskurso en tiun insulon; en «La Gaceta de Galicia», pri la lastaj sukcesoj de Esperanto; «El Castellano», de Burgos, pri la malfermo de la kursoj organizitaj de la tiea grupo; «El Ideal», de Utiel, kiu krom aliajn, publikigis belan artikolon de nia klera samideanino fraŭlino Julia Lacruz; «El Avisador Numantino», pri la Cambridg'a Kongreso de S.ro F. Arambilet; «El Noticiero Bilbaino», anoncante la fondiĝon de la Santurce'a Grupo; «El Miño», de Orense, pri la paroladoj de S.ro Padilla; «El Noticiero Turolense», kiu publikigis bone verkitau artikolon de S.ro Eugenio Gómez Rojas.

S.ro José Garzón Ruiz estas nomita konsulo esperantista de «Cádiz kaj ĝia mardepartemento». La kurson, kiun li malfermis en tiu urbo, ĉeestas multe da lernantoj.

Jam estas ĉe ni, nia kara kaj respektinda amiko Pastro Antonio Guinart. Post dumonata restado en Krakovio, li revenis la patrujon, sed malfeliĉe atingis lin la fervoja katastrofo de Riu de Cañes, kie mortis 21 vojaĝantoj kaj vundiĝis multegaj. La sciigo pri tiu terura katastrofo multe korpremis liajn multenombrajn valenciajn amikojn, kiuj trankviliĝis vidante lin nur kun negravaj vundoj en la nazo kaj dekstra mano. Ni esprimas denove nian ĝojon pro tiu preskaŭ mirakla savo. Pastro Guinart estis destinita Utiel'on; tial sekretario de Hispana Societo estos, ĝis la venonta baloto, nia direktoro.

Ĉe la Ĝenerala Societo de Laboristoj en Valencio, faris belegan paroladon pri Esperanto nia inda samideano D.ro Aguilar Blanch. Multenombra ĉeestantaro plezure aŭskultis la konvinkigajn kaj elok-

demasiado reducido por el incesante aumento del número de socios. Estos se reunen dos veces por semana en un café central para hablar solamente en Esperanto.

La prensa española continúa publicando artículos favorables. Citaremos los siguientes: en la «Ultima Hora», de Palma de Mallorca, sobre la excursión que ha de organizarse á dicha isla; en la «Gaceta de Galicia», sobre los últimos éxitos del Esperanto; «El Castellano», de Burgos», sobre la apertura de los cursos organizados por aquel Grupo; «El Ideal», de Utiel, que á más de otros, publicó un hermoso artículo de nuestra ilustrada correligionaria señorita Julia Lacruz; «El Avisador Numantino», sobre el congreso de Cambridge, del Sr. F. Arambilet; «El Noticiero Bilbaíno», anunciando la fundación del Grupo de Santurce; «El Miño», de Orense, sobre los discursos del señor Padilla; «El Noticiero Turolense», que publicó un bien escrito artículo de don Eugenio Gómez Rojas.

D. José Garzón Ruiz ha sido nombrado cónsul esperantista de «Cádiz y su departamento marítimo». Al curso que ha organizado en dicha población asisten muchos alumnos.

Ya está entre nosotros nuestro querido y respetable amigo el Padre Antonio Guinart. Después de una estancia de dos meses en Krakovia, regresó á la patria; pero por desgracia le alcanzó la catástrofe ferroviaria de Riu de Cañes, en la que murieron 21 viajeros y resultaron muchísimos heridos. La noticia de tan terrible catástrofe consternó á sus numerosos amigos valencianos, que se tranquilizaron viéndole con sólo dos leves heridas en la naríz y mano derecha. Expresamos de nuevo nuestro gozo por esta casi milagrosa salvación. El Padre Guinart ha sido destinado á Utiel; por tal causa, será secretario de la Hispana Societo, hasta la próxima elección, nuestro director.

En la Sociedad de Obreros en general, de Valencia, dió una hermosa conferencia sobre Esperanto nuestro digno correligionario el Dr. Aguilar Blanch. Numerosa concurrencia escuchó con pla-

ventajn frazojn de la parolanto kaj bruege aplaŭdis lian laboron. Dank'al rimarkinda parolado kaj al gastama akcepto de la Direkta Komitato de tiu societo, baldaŭ malfermiĝos en ĝi kurso, kiun klarigos nia simpatia kunlaboranto S.ro Angel Novejarque. Dankon al ĉiuj!

Nova grupo fondiĝis en Barcelono, kun la titolo «La Amikeco». Ĝiaj prezidanto kaj sekretario estas respektive S.roj Mauricio F. de Eixalá kaj Juan Biosca. La sidejo de la Grupo estas: Travesera 1, 2.°, 2.ª, S. Martín,

cer las convincentes y elocuentes frases del orador y aplaudió ruidosamente su trabajo. Gracias á esta notable conferencia y á la hospitalaria acogida de la Junta Directiva de dicha Sociedad, pronto se abrirá en ella un curso, que explicará nuestro simpático colaborador D. Angel Novejarque. ¡Gracias á todos!

Se ha fundado un nuevo Grupo en Barcelona con el título «La Amikeco». Sus presidente y secretario son, respectivamente, D. Mauricio F. de Eixalá y y D. Juan Biosca. La residencia del Grupo es: Travesera, 1, 2.°, 2.ª, S. Martín.

# Bibliografio

*La Revizoro*, komedio en kvin aktoj de N. V. Gogol, traduko de D.ro L. L. Zamenhof. Unu volumo in-8, 100 paĝa (broŝurita): 1 fr. 50. Ĉe librejo Hachette kaj K.° 79, boulevard S.t Germain, Parizo.

Per tiu ĉi komedio oni komencis publikigi «La Revuo», kiu atingis eksterordinaran sukceson, malgraŭ la antaŭdiroj kaj plendoj de aliaj esperantaj gazetoj, kiuj timis la aperon de nova revuo. Sed kun verkoj tiaj, kiel *La Revizoro* ne sole unu gazeto, multaj ankaŭ tre bone povus triumfi. Post la legado de *Hamleto*, kaj la diversaj pecoj el kiuj konsistas la *Fundamenta Krestomatio*, nenio pli perfekte bela, ol *La Revizoro*. Al la Esperantistoj vere amantaj la esperantan literaturon, ne sufiĉis *Hamleto* kaj *Krestomatio*. Ili deziregis, avidis legi novajn verkojn de nia Majstro. Tia bezono estis tiel ĝenerala, ke la simpla anonco pri la apero de «La Revuo» *kun la konstanta kunlaborado de D.ro L. L. Zamenhof* tremigis per ĝojego ĉiujn Esperantistojn kaj la nombro da abonantoj atingis de la unua momento altan kvanton, kiu ĉiutage plikreskadis. Tiu sukceso estis vere meritita: krom la intereso de la komedio la majstra priskribo de la personaj karakteroj kaj la pikanteco de la situacio, oni admiras en la esperanta traduko simplecon kaj naturecon neimiteblajn. Nenia verko, kiel *La Revizoro* prezentas tiel amuzajn dialogojn, eltiritajn el la realeco kaj plenriĉaj per trafaj kaj spritaj popoldiroj. Oni atente legu *La Revizoro* kaj oni tuj konvinkiĝos pri la altmerito de tiu ĉi verko, kiu portas en ĉiuj scenoj, en ĉiuj frazoj kaj en ĉiuj vortoj la aŭtentikan ŝtampon de la stilo de la aŭtoro de Esperanto.

*Tutmonda jarlibro Esperantista enhavanta la adresaron de D.ro Zamenhof por 1907*. Unu volumo in-16 broŝurita: 3 fr. 50, ĉe librejo Hachette kaj K.° Parizo.

Rekomendi kaj priskribi tiun ĉi verkon ŝajnas al ni senutile, ĉar ĉiuj Esperantistoj konas ĝin plej bone. Tamen, ni kredas konvene sciigi al niaj legantoj, ke pro la ĉiutaga pligrandiĝo de la nombro da Esperantistoj, la Redakcio de la *Tutmonda Jarlibro Esperantista* decidis refari la verkon, laŭ nova modelo, kiun ĝi klarigas en la antaŭparolo, el kiu oni ĉerpas la sekvantajn liniojn:

«La celo de *Jarlibro* ne estas montri nombron pli-malpli grandan de adeptoj, sed doni ĝustajn adresojn kaj sciigojn.

»Pro tiuj kaŭzoj ni decidis refari nian Jarlibron, laŭ nova modelo.

»De nun ĝi enhavos:

»1.e La nomojn de la *novaj Esperantistoj, kiu sendis sian aliĝon kaj adreson al D.ro Zamenhof.*

»2.e La nomojn de la *novaj Esperantistoj*, *kiuj sendis sian adreson rekte al la Redakcio de la Tutmonda Jarlibro.*

»3.e La nomaron de la *Societoj Esperantistaj kaj de iliaj anoj*, kiam la sekretario de iu societo sendos tiujn sciigojn kaj *nur tiam.*

»4.e La *Konsulojn Esperantistajn* enmetitajn en la urbon, kie ili loĝas.

»5.e La plenan nomaron de ĉiuj *Gazetoj Esperantaj* aŭ poresperantaj.»

Ĉar la sukceso de la *Jarlibro* helpas tre efike al nia propagando, ni varme petas al ĉiuj niaj amikoj la ĉiujaran sendon de la sciigoj kaj adresoj, kiujn la *Redakcio de la Jarlibro* bezonas por la ĝusta kaj plena elfaro de sia verko.

*Fundamento de Esperanto*, eldono itala, tradukis S.ino Rosa Junck. Prezo, 1 fr.

*Fundamento de Esperanto*, eldono greka, tradukita de Konstantino Kuluri-Prezo: 1 fr.

Niaj lertaj samideanoj, S.ino Rosa Junck kaj S.ro Konstantino Kuluri, faris grandan servon al nia afero tradukante en sian lingvon la *Fundamento*, ĉar tiu ĉi verko— kiu estas kvazaŭ la Biblio de la Esperantistoj—devas aperi en ĉiuj lingvoj, por ke ĉiuj ĝin konu kaj respektu.

*La progresado de la pilgrimanto de tiu ĉi mondo ĝis la venonta*, rakontita kvazaŭ songô de Johano Bunjano (1628-1688). esperantingita de Jozefo Rhodes, prezidanto de la Angla Esperantista Societo. Prezo, 2 fr. Eldono de Stead's Publishing House, 39 Whitefriars street, London.

Tiu ĉi mirinda rakonto, en kiu brilas granda talento kaj sincereco, estas vera juvelo de la angla verkaro. Ĝi estas jam tradukita en la ĉefaj eŭropaj lingvoj kaj tial konita de la tuta mondo. La esperantigo de S.ro Josefo Rhodes—la glora pioniro de Esperanto en Anglujo—pro sia korekteco kaj simpleco aldonis novan ĉarmon al la fama verko de la «blasfemema lutisto de Elstovo».

*Pri reformoj en Esperanto*, artikoloj publikigitaj de D.ro Zamenhof en la Nurnberga gazeto «Esperantisto» dum la unua duonjaro de 1894, kopiitaj kaj represitaj per zorgo de D.ro Emile Javal. Coulommiers. Imprimerie Paul Brodard. Prezo nemontrita.

D.ro Emile Javal, kies morton ni neniam bedaŭros sufiĉe, donis bonan pruvon de sia malavareco kaj entuziasmo por nia afero, represigante tiun ĉi kolekton da interesaj artikoloj, kiujn D.ro Zamenhof verkis en epoko, kiam la reformoj por plibonigi nian lingvon tre multe priokupadis la tiamajn Esperantistojn. Ni devas, do, danki tian afablecon de la eminenta mortinta samideano, kiu liveris al ni tekstojn jam neakireblajn, ĉar kiel oni bone scias, la jarkolektoj de «Esperantisto» estas hodiaŭ neaĉeteblaj.

*La virineto de maro*, fabelo de Anderssen, tradukita de D.ro L. L. Zamenhof, kun 6 ilustraĵoj de Hilda May Brodie (eltirita el la Fundamenta Kretomatio). Unu volumo in-8, 40 paĝa, prezo 1 fr. 50. Ĉe librejo Hachette kaj K.o Parizo.

Ĝi estas aparta luksa eldono de la delikata Anderssena fabelo, kiun ĉiuj Esperantistoj legis en la *Fundamenta Krestomatio*. Ornamas ĝin ses belaj ilustraĵoj de Hilda May Brodie.

*La Rompantoj*, kvin monologoj originale verkitaj de Frederiko Puĵula-Valjes 1 vol. in-8, 40 paĝa kun 5 ilustraĵoj. 1 fr. ĉe librejo Hachette kaj K.o Parizo.

Tiu ĉi broŝuro enhavas la 5 originalajn monologojn «Senhejmulo», «La pipamanto», «Okaza artisto», «Ĵonglisto» kaj «Fotografisto», kiujn la aŭtoro mem prezentis kun granda sukceso antaŭ esperantistaj publikoj, speciale dum la dua kaj tria Kongresoj de Esperanto. La monologoj estas tre lerte verkitaj kaj ilian titolon la aŭtoro klarigas plej sprite en la antaŭparolo de la verko.

*Imenlago*, novelo de Theodor Storm, tradukita el la germana lingvo de Alfred Bader. 1 vol. in-8, 33 paĝa, 0 fr. 75. Ĉe librejo Hachette kaj K.° Parizo.

Tiu ĉi interesa novelo estis enpresita en «La Revuo». Pro sia beleco ĝi meritis apartan eldonon, kaj firmo Hachette faris tre bone publikigante ĝin per aparta luksa volumo, kiun sendube ĉiuj Esperantistoj deziros akiri por enmeti ĝin en sian esperantan bibliotekon.

*La nevo kiel onklo* (*der Neffe als Onkel*), komedio en tri aktoj de Schiller, tradukita de Charles Stewart. 1 vol. in-16, 36 paĝa, prezo 0 fr. 75, ĉe firmo Hachette kaj K.°

Antaŭ nelonge Molière estis la aŭtoro, kiun plej lertaj Esperantistoj elektadis por traduki, tiel ni povis legi *L'Avarulo*, *Don Juan*, *Edziĝo kontraŭvola*... sed nun ŝajnas ke Schiller estas la verkisto, kiu ĝuas la favoron de la tradukantoj, ĉar en la lasta tempo aperis *La Rabistoj* genie tradukita de D.ro Zamenhof, kaj *Wilhem Tell* esperantigita de nia malnova samideano S.ro Meyer. *La nevo kiel onklo* estas mallonga kaj interesa komedio, kiu tre bone trafas sian celon: amuzi la legantojn. La lerta traduko de S.ro Stewart estos plezure legita de ĉiuj amikoj de Esperanto.

*Angla lingvo sen profesoro* unuakta komedio de Tristan Bernard, el franca lingvo kun permeso de la aŭtoro tradukis Gaston Moch. 1 vol. in-8, 36 paĝa. 1 fr. 00. Ĉe firmo Hachette kaj K.°

Jen alia gaja komedio, kiu prezentas la historion de iu mizerulo, kiu ne sciante eĉ vorton de fremdaj lingvoj, akceptis anstataŭi dum unu tago unu el siaj amikoj, hotelan interpretiston. Tiu ĉi komedio, lerte tradukita de la eminenta franca pacifisto, estis granda sukceso prezentita unuafoje en Esperanto, ĉe la Esperantista Centra Oficejo la 13an de Aprilo de 1907. En la fino la tradukinto aldonas kelkajn tre interesajn notojn por faciligi la prezentadon de a verko antaŭ neanglaj publikoj.

*L'Esperanto*, conférence aux officiers de l'École supérieure de Marine, par M. Carlo Bonrlet, docteur és sciences, professeur au Conservatoire national des arts et métiers, président du Groupe Espérantiste de Paris. 32 paĝa broŝuro en franca lingvo. Prezo: 0 fr. 50 ĉe firmo Hachette kaj K.°

S.ro Carlo Bourlet estas unu el la plej fervoraj apostoloj de Esperanto en Francujo. Li faris multajn paroladojn por Esperanto kaj fondis multajn Esperantistajn Grupojn. Ĉiam lia lerteco kaj elokventeco triumfis kaj allogis la aŭdantaron. En la nuna broŝuro S.ro Bourlet prezentas tre belan paroladon, indan je liaj eminentaj aŭdantoj kaj en kiu brilas, kiel ĝuste asertas «La Revuo», «konvinkiga argumentado fera logiko kaj spriteco, kiu riĉe kunplektas ĉiujn detalojn de la parolado». Mi konsilas niajn propagandantojn, ke ili atente tralegu tiun ĉi eksterordinaran paroladon kaj el ĝi propigu al si ĉion, kion ili povos. Tiel, oni posedos la oran ŝlosilon por triumfi dum siaj poresperantaj paroladoj.

*Kastelo de Prelongo*, romano originale verkita de D.ro Vallienne. Unu vol. in-16, 515 paĝa, broŝureto, prezo, 4 fr. Ce firmo Hachette kaj K.°, Parizo

D.ro Vallienne estas unu el la plej lertaj kaj produktemaj verkistoj esperantaj. Li tradukis majstre kelkajn famajn verkojn kaj skribis multe da originalaj artikoloj kaj en ĉiuj ili brilis la korekteco de lia stilo kaj lia miriga posedo de Esperanto. Antaŭnelonge la Esperantistaro varmege aplaŭdis lin, ĉar li publikigis belegan tradukon en esperantaj versoj de *Eneido*, tiu Virgilia poemo, tiel malnova, kiel ŝategata. Sed nun ne sufiĉis al lia gloro la meritoj de tradukinto, kaj li rekte alpaŝis sur la vojon de originala romanisto. Li, kiel unuan provon en tiu ĉi direkton, prezentas al ni la belan romanon *Kastelo de Prelongo*. Ke ĝi estas tre interesa, la fakto montras, ke kelkaj ĉitieaj Esperantistoj tralegis ĝin per unu fojo. Pri la korekteco kaj perfekteco de la

stilo ni nenion bezonas diri, kaj se la valoro de la priskribita afero, ne estas tiel altmerita, kiel tiu de *Eneído*, oni devas almenaŭ konfesi, ke la aŭtoro en *Kastelo de Prelongo*, montris grandan talenton por la romanarto, kaj ke, laŭ nia humila opinio, oni devas instigi lin, por ke li daŭrigu sur sama vojo, ĉar por la gloro de la esperanta literaturo, ni devas preferi unu *Kastelon de Prelongo*, originalan, ol cent *Eneidojn*, tradukitajn.

*Esperantista Kantaro* (kolekto unua), esperantigita de L. E. Meyer. Beleta fleksebla 80 paĝa broŝureto: prezo: 1 fr. 50. Eldonita de Esperanta Eldonejo. Hans Th. Hoffmann, Berlin W. 35. Steglitzerstr. 44.

La eldonisto de tiu ĉi verko intencas publikigi serion da ĉiulandaj kantaroj tradukitaj en Esperanto, se nur la publiko favore akceptas lian entreprenon. Al ni ĝi ŝajnas bonega, kaj ĉar la unua kolekto konsistas el belegaj germanaj popolkantoj, verse kaj majstre tradukitaj de la konata verkisto S.ro L. E. Meyer, ni esperas, ke la afero trafos plej brilan sukceson. Por ke niaj legantoj komprenu la grandan meriton de tiu ĉi verketo, ni jen represas unu el ĝiaj plej mallongaj kantoj.

### PAFISTA KANTO

DE SCHILLER

Kun pafark' kaj sago
Tra montara mond'
Vagas antaŭ tago
La pafist' en rond'.
Kiel de l'aglaro
La ĉielaer'
Tiel ŝtonegaro
Estas lia sfer'.
En montarvastaĵo
Kion trafis sag'
Estas la kaptaĵo
De pafista ag'.

VICENTE INGLADA.

* * *

Ce Presa Esperantista Societo oni povas aĉeti la jenajn ĵus publikigítajn verkojn:

*Esperanta Radikaro*, de Th. Cart: prezo 60 ctmoj.—Dua eldono.

Tiu ĉi radikaro estas la «nigra» eldono de verketo puntreliefe presita por la blinduloj.

*Esperanta Frazlibro de l' turisto*, el jarlibro de Franca Turing-Klubo, kun tradukoj franca, angla, germana, hispana kaj itala, kaj mallonga esperanta gramatiko en tiuj lingvoj: prezo, 50 ctmoj.

*Rapport sur l'Esperanto*, adresée á M. le Ministre de l'Instruction Publique par Th. Cart; prezo, 75 ctmoj.

*Une heure d'Esperanto*, conference dialoguée par Th. Cart.—Dua eldono: prezo, 50 ctmoj.

La apero de la dua eldono de tiu teatra verketo montras klare kiel bone ĝin akceptis la esperantistoj.

*Du biletoj*, unuakta proza komedieto de Florian. Ĝin esperantigis H. J. Bulthuis kaj L. Touchebeuf: prezo, 40 ctmoj.

Tiu centjara verko aperas nun en nia literaturo kaj facile povas esti ludata en grupoj aŭ kunvenoj esperantistaj.

*La benkoj de la promenejo*, tedmonologo deklamita de Coquelin juna, aktoro ĉe la Franca Komedio, tradukita de P. Corret. Dua eldono: prezo 20 cmoj.

Tiu monologo verkita de J. Jouy estas esperanten tradukita laŭ speciala permeso de la eldonisto. Al niaj teatramantoj ni rekomendas ĝin plej varme.

* * *

*Rakontoj al mia belulino*, de Jean Bach-Sisley, kun permeso de la aŭtoro, el franca lingvo esperantigis L. Touchebeuf.—Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépede, Paris.

Tiu verko, kies esperantan tradukon ni ne povas laŭdi, kiel ĝi meritas, konsistas el belaj, moralaj rakontoj po ĉiu monato de la jaro, kiujn la aŭtoro verkas por sia belulino.

---

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.

---

# ANONCOJ

*S.ro E. R. Skinner*, (St. Mary Cray, Kent.) angla kolektanto de birdaj ovoj deziras korespondi kun hispanoj aŭ portugaloj, kiuj povas sendi al li specimenojn de la Duoninsulo. Bona rekompenco. Li donos plenajn instrukciojn.

---

*S.ro P. Oriach Solá* deziras ŝanĝi ideojn kun gesamideanoj neeŭropaj per leteroj aŭ ilustritaj poŝtkartoj, Ĉiam tuj respondos. Lia adreso estas: strato Calderón, 51, *Sabadell*, Barcelona (España).

---

*S.ro W. Ŝmurlo*, (29, Kernerstrasse, Stuttgart, Germanujo) petas la helpon de kelkaj hispanaj samideanoj por la redaktado de seplingva vortaro de esprimoj de aŭtomobilismo (angla, franca, germana, rusa, itala, hispana kaj esperanta). Plezure li donos plenajn detalojn.

---

Je la 1ª Januaro 1908 elirados en Bohemujo nova monata gazeto esperanta nomata *Slava Revuo.*

Ĝi estos ekskluzive literatura gazeto, kiu alportados en simpatia aranĝo tradukaĵojn plej multe el slavaj literaturoj. Ĝia abonpago dependos de nombro de la abonontoj. Nepre ĉiuokaze ĝi ne superos tri frankojn. Samideanoj, kiujn interesas la afero, bonvolu alsendi siajn aliĝojn laŭ adreso: S.ro J. Vejmelka, Beneŝov apud Praha, Bohemujo, Aŭstria.

La sama redakcio eldonados tradukaĵojn de bohemaj verkistoj en kolekto: *Bohemaj aŭtoroj.* La unua libro enhavos tradukon de «Tri legendoj pri krucifikso» de Julius Zeyer.

Samideanoj tradukistos estas petataj alsendadi tradukaĵojn el naciaj literaturoj.

---

Ni subskribintoj havas la honoron informi la ĉiulandajn Esperantistojn ke fondiĝis dum la Kongreso en Cambridge Internacia Societo Esperantista de Liberpensuloj sub titolo *Libera Penso.*

Jarkotizo kun abono de monata Bulteno 2,50 fr. (I sm.)

Provizora Sekretario, R. Deshays *Sens* Francujo. Fondintoj: S.roj Auerbach, Beauchamp, Bendix, Boucon, Bourlet, Deshays, Essigmann, Evstifeieff, S.ino Evstifeieff, Fi-blan-go, F.ino Fryer, Humberset, Kuhnl, Maréchal, Moch, Padfield, Papillon, Rauch, F.ino Rouff, G. Stroele, Thiedmann, F.ino Vaucher, Watters, Wolf, Zinovjev.

# Sociedad Española

## PARA LA PROPAGACION DEL ESPERANTO

### CUOTA ANUAL, UNA PESETA

PÍDANSE INFORMES Á LA ADMINISTRACIÓN DE ESTA REVISTA

## COMITÉ DE PATRONATO EN ESPAÑA

Excmo. Sr. D. Angel Pulido, Senador del Reino y de la Academia de Medicina.
Excmo. Sr. D. Luis Moncada, General de División.
Illmo. Sr. D. Salvador Padilla, Director del Instituto General y Técnico de Orense.
Excmo. Sr. D. José Enrique Serrano Morales, Gran Cruz de Alfonso XII.
Sr. D. Román Ayza, Teniente Coronel de Estado Mayor y Doctor en Ciencias.
Excmo. Sr. Marqués de Villalba de los Llanos y de Azueba.
Rdmo. P. Manuel Sánchez, Prepósito General de las Escuelas Pías.
Sr. D. Juan J. Durán y Loriga, Comandante de Artillería.
Sr. D. Leonardo Torres de Quevedo, de la Academia de Ciencias Exactas, Físicas y Naturales.
Illmo. Sr. D. Ricardo Codorníu, Ingeniero Jefe de Montes.
Excmo. Sr. D. Juan Bautista Benlloch, Obispo preconizado de Urgel.
Excmo. Sr. D. Juan La Cierva, ex ministro de Instrucción Pública y actual ministro de Gobernación.
Excmo. Sr. D. Manuel García Prieto, ex ministro de Gobernación y de Gracia y Justicia.
Sra. D.ª Emilia Pardo Bazán, presidente de la Sección de Literatura del Ateneo de Madrid.

## CÓNSULES ESPERANTISTAS EN ESPAÑA

**Murcia.**—D. Ricardo Codorníu. Malecón, letra C.
**Valencia.**—D. Vicente Marzal. Ribalta, 6.
**Aguilas** (Murcia).—D. Normán Maclean.
**Santiago** (Galicia).—D. Santiago Carro García. Toral, 6.
**Castellón.**—D. Victorino Aparici. Pí y Margall, 7.
**Burgos.**—D. Teófilo Martínez. Plaza Mayor, 45, pral.
**Bilbao.**—D. Gregorio Prados Urquijo. Alameda de Mazarredo, 1, 3.º
**Coruña.**—D. Romualdo González. Marina, 25, pral.
**Cuevas de Almudén** (Teruel).—D. Serafín Villarroya.
**La Guardia** (Jaén).—D. Serafín Baudín Agüero. Parra, 4.
**Carcagente.**—D. Domingo Taléns.
**Enguera.**—D. Fernando Soler Valls. Plaza Martín Barrón, 11.
**Simat de Valldigna** (Valencia).—D. Julio Morató Gil.
**Sigüenza** (Guadalajara). — D. Eduardo Cano. San Roque, 24.
**Algeciras** (Cádiz).—D. Isidoro Moreno. Comandancia de Carabineros.
**San Fernando** (Cádiz).—D. José Garzón Ruiz.
**Santa Cruz de Tenerife** (Canarias).—D. Eladio González Ribero. Jesús Nazareno, 44.
**El Royo** (Soria).—D. Florencio Arambilet.
**Barcelona.**—D. Alfonso Sabadell. Diputación, 280.
**San Sebastián.**—D. Julio Garrido. Regimiento Infantería Sicilia.
**Tarancón** (Cuenca).—D. Julio Larrañaga.

# GRUPOS ESPERANTISTAS ESPAÑOLES

**Murcia.**—Presidente, D. Norman Maclean (Aguilas).—Secretario, D. Antonio López Villanueva (Vergara, 12).
**Valencia.**—Pres. D. Román Ayza (Roteros, 16).—Secret. D. Vicente Marzal (Ribalta, 6).
**Albarracín** (Teruel).—Pres. D. José M.ª Lozano (Portal de Molina, 20).—Secret. D. Joaquín Sánchez.
**Manresa.**—Pres. D. Miguel Espectante.—Secret. D. Eduardo Segarra (Morne, 10).
**Cardona** (Barcelona).—Pres. D. Ramón de Subirá.—Secret. D. Juan Bautista Pelayo.
**Toledo.**—Pres. D. Ventura Reyes (Alfonso XIII, 7).—Secret. D. Juan de Ozueta (Academia de Infantería).
**Solsona** (Lérida).—Pres. D. Antonio Mayo.—Secret. D. Ramón Gabernet.
**Coruña.**—Pres. D. Pascual Perea (S. Andrés, 153).—Secret. D. Manuel Monteagudo (Bailén, 6).
**Enguera.**—Pres. D. Fernando Soler (Martín Barrón, 11).—Sec. D. Manuel Jordá (Angeles, 16).
**El Royo** (Soria).—Pres. D. Florencio Arambilet (Farmacéutico).—Secret. D. José Oberlé (Colegio del Carmen).
**Sestao** (Vizcaya).—Pres. D. Florencio Esquivela (Rivas, 86).—Secret. D. Esteban Cortadi (Iberia, 5).
**Barco de Baldeorras** (Orense).—Pres. Sr. Ameijeiras.—Secret. Sr. Argemiro.
**Santiago** (Coruña).—Pres. D. José Santaló (Cardenal Payá).—Secret. D. Santiago Carro (Toral, 6).
**Tarancón** (Cuenca).—Pres. D. Eugenio Calvo (Comandante de Infantería).—Secret. D. Antonio Alonso (Registrador de la propiedad).
**Orense.**—Pres. D. Eduardo Macia.—Secret. D. Higinio V. Ameijeiras (Asociación de Obreros).
**Burgos.**—Pres D. Manuel Esteban (S. Juan, 48 y 50).—Sec. D. José Sarmiento (Santocildes).
**La Guardia** (Jaén).—Pres. D. Enrique Gómez (Molinos, 1).—Sec. D. Serafín Baudín (Parra, 4).
**Foz** (Lugo).—Pres. D. Camilo Cela.—Secret. D. Antonio Villar (Farmacéutico).
**Bilbao.**—Pres. D. Teodoro Elizondo (Ronda, 29).—Secret. D. Rufino Unzaga.
**Barcelona.**—Pres. D. Alfonso Sabadell (Diputación, 280).—Secret. D. Augusto Pierre (Balsas de San Pedro).
**Vigo** (Pontevedra).—Pres. D. Bernardo Fernández.—Secret. D. Manuel Dovao (Lepanto, 5).
**Castellón.**—Pres. D. José Seijas.—Secret. D. Victorino Aparici (Pí y Margall, 7).
**Alcalá de Chisbert** (Castellón).—Pres. D. Rosendo Cucala.—Secret. D. Julio Payá.
**Benicarló** (Castellón).—Pres. D. Pedro Vidal.—Secret. D. José María Febrer.
**Sabadell** (Barcelona).—Pres. D. Félix Sotorra (Gracia, 43).—Secret. D. Juan Bautista Lladó (San Lorenzo, 45).
**San Sebastián.**—Pres. D. Julio Garrido (S. Jerónimo, 25).—Sec. D. Miguel Pérez (Avenida, 2).
**Portugalete** (Vizcaya).—Pres. D. Francisco Vallejo.—Secret. D. Manuel Cemborain.
**Tortosa.**—Pres. D. José Navarro.—Secret. D. Salvador Murall.
**Lugo.**—Pres. D. Higinio V. Ameijeiras.—Secret. D. Pedro González.
**Cartagena.**—Pres. D. Carlos Roca.—Secret. D. Alfredo Saralegui.
**Medina del Campo** (Valladolid).—Pres. D. Francisco Román.—Secret. D. Federico García.
**Simat de Valldigna** (Valencia).—Pres. D. Julio Morató Gil (Médico).—Secret. D. Angelino Ripoll.
**Gracia** (Barcelona).—Calle del Angel, 67, 2.º
**San Fernando** (Cádiz).—Pres. D. José Garzón.—Secret. D. Juan Castro.
**Carcagente** (Valencia).—Pres. D. Domingo Taléns.—Secret. D. Jaime Iranzo.
**Ubeda** (Jaén).—Pres. D. Juan G. Martín.—Secret. D. Juan de Dios Vico (Constitución, 33).
**Santa Cruz de Tenerife** (Canarias).—Pres. D. Juan Cambreleng.—Secret. D. Julio López.
**Villanueva y Geltrú** (Barcelona).
**Castillo de Locubín** (Jaén).—Pres. D. Francisco García Mochales.—Secret. D. Carlos Estremera.
**Vitigudino** (Salamanca).—Pres. D. Nicolás Ballesteros.—Secret. D. Fernando del Arco.
**Alicante.**—Pres. D. Miguel de Elizaicin (Medina, 37).—Secrét. D. Celso Varona.
**Albacete.**—Pres. D. Rafael García Moreno.—Secret. D. Dominico Collado González.
**Madrid.**
**Badalona** (Barcelona).
**Sarriá** (Barcelona).